22ª Jaro - Nº 6 (232) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Junio 1936

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908ª

Oficiala Organo de



REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Por adresoj kaj informoj vidu la lastan paĝon.

DIREKTORO :
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

FRAPADAS LA MORTO !

## La tioma en la Vico : Henri Petiau.

Tiu ĉi numero estus, — tio estis nia deziro —, « Kongresnumero », tute dediĉata al la belga Kongreso, kiu okazos post kelkaj tagoj en La Louvière.

Ĝi ja estos Kongresnumero, ĉar la vivo iras sian vojon, kiaj ajn estas la ruinoj, kiujn la Morto ĉiutage postlasas laŭlonge de sia vojo.

Antaŭ ne longe, ni jam plendis pro la tro ofte ripetitaj frapoj, kiuj trafis la Esperantistaron.

Nova, same terura kiel subita, bato frapas nin, belgajn Esperantistojn, kaj, samtempe, ankaŭ la internacia Esperanto-movado notas la forfalon de iu, kiu ludis eminentan rolon en ĝi.

Je la fino de Aprilo, mortis, en Gento, la ĝenerala sekretario de la Reĝa Belga Ligo Esperantista, kiu, ĝis antaŭ nelonge, estis la Prezidanto de la internacia Esperanta Parlamento « K. R. » aŭ la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj, kies vivon li, dum longaj jaroj, gvidis kun tiu alia amiko kara al ni, S-ro Schoofs, kiu estis ĝia sekretario-kasisto.

Ĉar la familio konservis al la funebra ceremonio intiman karakteron, nur malmultaj samideanoj ĉeestis la enterigon, sed nia Prezidanto tamen, nome de ĉiuj diris la kelkajn jenajn vortojn :

Min, kiel Prezidanton de Reĝa Belga Ligo Esperantista, trafas la malĝojiga tasko saluti lastfoje tiun, kiu nun baldaŭ atingos sian lastan ripozejon.

Sinjoro Henri Petiau estis unu el tiuj fidelaj antaŭmilitaj Esperantistoj, fervoraj batalantoj por la Internacia Lingvo, en kies rangoj la Morto de kelka tempo ripete falĉas. Post Frans Schoofs, post Antoon Witteryck, post Willem Van der Biest, nun Henri Petiau estas forrabita el la vico de niaj amikoj.

Jam de longe, li aktive laboris por Esperanto, kaj en la jaro 1913, li estis unu el la precipaj organizantoj de la « Esperantista Semajno » en la kadro de la Universala Ekspozicio en Gento. La saman jaron, li fariĝis ĝenerala sekretario de Belga Ligo Esperantista, kaj okupis tiun ĉi postenon ĝis sia lasta tago. Li faris en ĝi grandegan laboron, kaj vere ni grandparte ŝuldas al li la fortan pozicion de nia lingvo en Belgujo. Malgraŭ la malsano, kiu jam de longe atingis lin, li daŭre laboris, kaj pasintan Sabaton, mi ankoraŭ ricevis de li leteron per kiu li senkulpigis sian maleston al nia kunsido, okazonta dimanĉe, kaj sendis dokumentojn, kiujn li propramane preparis...

Lia agado en la Internacia Movado ankaŭ estis grava. Li estis komitatano de Universala Esperanto Asocio, kaj mi ofte spertis kiel zorge li pripensis kaj ekzamenis ĉiujn decidojn alprenotajn en nia tutmonda organizaĵo.

La esperantistoj perdas eminentan kunbatalanton, ili ankaŭ perdas sindoneman kaj honestan amikon.

Nome de la nacia kaj internacia Esperantista movado, nome de ĉiuj esperantistoj, mi salutas lastfoje Henri Petiau ; lia nomo restos en nia memoro !

En malmultaj vortoj tiu parolado, tamen konkrete, skizis la vivon de tiu pioniro, unu el la malmultaj, kiuj ankoraŭ regule batalas en nia lando, ĉe la flanko de la postmilitaj Esperantistoj.

Apud tiu multe tro rapide malfermita tombo, — S-ro Henri Petiau ne atingis plene sian sesdekan jaron —, restas nur al ni, kiuj vidis lian laborkapablon, lian neniam laciĝitan entuziasmon, lian neniam forgesitan koncepton de la interna ideo, preni kune, unufoje pli, la firman decidon, ke tiu rea bato de la Sorto ne povas ŝanceligi aŭ nur endanĝerigi nian movadon.

La belga Esperanto-movado bezonas brakojn. Kiam iuj forfalas, ni devas havi la certecon, ke novaj sin prezentos.

Tiun fidon, tiun certecon ni ja havas. Tie kuŝas nia nura konsolo en la kruela funebro, kiun ni portas kune kun la familio Petiau, al kiu ni ĉiuj prezentas la esprimon de nia sincera kunsento.

Maur. JAUMOTTE.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

## Alvoko al la Ĝenerala Kunveno.

Ĝenerala kunveno de « Reĝa Belga Ligo Esperantista », okazos en La Louvière, dimanĉon, 31-an de Majo, je la 11-a 1/2 matene.

TAGORDO :

1. Malferma alparolo de la Liga Prezidanto.
2. Raporto de la Ĝenerala Sekretario.
3. Raporto de la Kasisto.
4. U. E. A. agado en 1935. Raporto de la Ĉefdelegito.
5. Starigo de « Reĝa Belga Ligo Esperantista », kiel societo sen profita celo.
6. 28-a Universala Kongreso de Vieno.
7. Nia estinta agado. Organizo de la Liga laboro.
8. Diversaj komunikaĵoj.

## XXV<sup>a</sup> Belga Kongreso de Esperanto

### La Louvière 30-31ª Majo- 1ª Junio 1936

Sub la Honora Prezidanteco de S-ro VICTOR GHISLAIN, urbestro de la Louvière, kaj la Patroneco de la « Komerca kaj Industria Ĉambro de la Centra Regiono ».

*10-a INFORMBULTENO.*

Jen la lasta alvoko kiun ni faras pri nia XXV-a. Ĉu ni estis sufiĉe elokventaj por konvinki vin partopreni nian karan aferon?

Se jes, ni dankas vin tre sincere.

Se ne, ne plu aŭskultu nin, sed... tuj, tuj, sendu vian aliĝilon!

Restas ankoraŭ kelkaj tagoj antaŭ ol ĉiuj venos al La Louvière.

Restas ankoraŭ sufiĉe da tempo, por ke ni prizorgu pri via restado en nia urbo, sed rapidu...

Por fini ni petas ĉiujn niajn amikojn, bonvoli plej akurate eble priatenti la horojn de nia programo. Tiu-ĉi estas tre ŝarĝata kaj ni bezonas vian helpon por plenumi ĝin.

Nun, ni diras al vi al ĉiuj : *Bonvenon en La Louvière !*

*La Loka Kongresa Komitato*

### Programo.

**Sabaton, 30-an de Majo.**

**14.00 h.** Malfermo de la akceptejo en « Brasserie Centrale », Drapeau blanc. Vizito al la ekspozicio de esperantaĵoj.

**18.00 h.** Akcepto de la Turisma Federacio. Je kvarono antaŭ la sesa, kunveno en akceptejo.

**20.30 h.** Laborkunsido de Belga Ligo Esperantista en la grupejo. Poste — Intima kaj interkonatiĝa vespero en la grupejo. — Kelkaj programnumeroj — Dancado.

**Dimanĉon, 31-an de Majo.**

**9.00 h.** Por katolikoj : Diservo en la preĝejo « Sankta Jozefo », Placo Maugretout — Prediko en Esperanto de nia samideano Pastro De Meyer.

**9.45 h.** Kunveno antaŭ la Urbdomo.

**10.00 h.** Oficiala akcepto de la urbestraro. Fotografado sur la ŝtuparo de la Urbdomo.

**11.30 h.** Kongresa kunsido, en la salonego « Palaco », Placo Jules Mansart.

**13.30 h.** Festeno en la salonego de la hotelo « Excelsior » — strato Albert I-a. De la 14 h. ĝis la 15 h. disradiigo pere de la radio-stacio Wallonie — Bonne-Espérance.

**16.00 h.** Forveturo per specialaj tramoj al Binche, la urbo de la famaj Karnaval-festoj, sub la gvido de S-ro Meurice, arhivisto. Vizito de la remparoj kaj de la malnova urbdomo. Akcepto de la Turisma Sindikato.

**18.30 h.** Reveno al La Louvière.

**20.30 h.** En la salonegoj « Palaco » : Prelego de blinda samideano S-ro Albert Masselier ; dancoj, kantoj, deklamaĵoj. — Grandioza balo kun bonega orkestro — Specialaj dancnumeroj — Malvarma bufedo.

**Lundon, de 1-an de Junio.**

**9.00 h.** Foriro, piede, al Houdeng-Goegnies. Vizito de la ŝiplevigilo speciale funkciigota je nia intenco. — Klarigoj de S-ro Victor Delattre, honora komunuma sekretario. — Vizito de vitrofabrikejo. Reveno al La Louvière.

**12.00 h.** Komuna tagmanĝo en « Mille Colonnes ».

**14.00 h.** Forveturo al Mariemont per specialaj tramoj. Vizito de la Muzeo, gvidata de S-ro Paul Faider, muzeestro. Vizito de la mirinda parko. Poste : Libervolaj promenadoj kaj amuzaĵoj.

**17.00 h.** Foriro de Mariemont per specialaj tramoj — reveno al La Louvière kaj disiĝo.

**ATENTU ni petas pri la horoj**

**Specialaj tramoj ne povas atendi sur la vojo.**

### Deka Listo (*ĝis la 23-a de Majo*).

| | |
|---|---|
| 126. — S-ro Hasseler F.-J. | Kerkrade (Neder.) |
| 127. — S-ro Georges Ockerman | Ronse |
| 128. — S-ino Georges Ockerman | Ronse |
| 129. — S-ro Joseph Soyeur | Seraing |
| 130. — F-ino Jeanne Keldermans | Houdeng-Aimeries |
| 131. — S-ro Canonne | Valenciennes (Fr.) |
| 132. — S-ro Meyer | Denain (Fr.) |
| 133. — S-ro Louis Monnet. | Quarouble (Fr.) |
| 134. — S-ro Albin Lambotin | Quarouble (Fr.) |
| 135. — S-ro G. Dupé | Quarouble (Fr.) |
| 136. — S-ro Larvent | Denain (Fr.) |
| 137. — S-ro Gauvain | Denain (Fr.) |
| 138. — S-ro Payen | Anzin (Fr.) |
| 139. — S-ro Albert Masselier | Neuilly (Fr.) |
| 140. — S-ino Albert Masselier | Neuilly (Fr.) |
| 141. — S-ino P. De Vooght-Fasnacht | Bruĝo |
| 142. — F-ino Monique De Vooght | Bruĝo |
| 143. — S-ro P. De Vooght | Bruĝo |
| 144. — F-ino Maria Vandenberghe | Bruĝo |
| 145. — F-ino Alice Boereboom | Bruĝo |
| 146. — S-ro Louis Douchamps | Bruĝo |
| 147. — S-ro Dré Dyserynck | Forest |
| 148. — F-ino Hélène Hofkens | Antverpeno |
| 149. — F-ino Cécile Willems | Bruĝo |
| 150. — F-ino Madeleine Willems | Bruĝo |
| 151. — F-ino Corry Leibbrand | Bruĝo |
| 152. — S-ro Joseph Tanghe | Assebrouck |
| 153. — S-ro Henri Delcloo | Bruĝo |
| 154. — S-ro François De Bel | Bruĝo |
| 155. — S-ro Auguste Stroobant | Bruĝo |
| 156. — S-ino Alice Stroobant | Bruĝo |
| 157. — F-ino Laurence Meuws | St-André |
| 158. — S-ro Cyril Bingham | Londono (Br.) |
| 159. — S-ino Dorothy Bingham | Londono (Br.) |
| 160. — F-ino Ellen Mallet | Londono (Br.) |
| 161. — S-ro Paul Benoit | Oostduinkerke |



**Ĝenerala vidajo sur la kastelo de Mariemont.**

162. S-ro René Latinne — Antverpeno
163. — S-ino Maria Latinne — Antverpeno
164. — S-ino Mathilde Latinne — Antverpeno
165. — S-ro Daniel Mortelmans — Antverpeno
166. — S-ino Maria Mortelmans — Antverpeno
167. — S-ro H. Moy Thomas — Londono (Br.)
168. — S-ro Hector Vermuyten — Antverpeno
169. — S-ino Bl. Vermuyten — Antverpeno
170. — S-ro Armir Dubois — Jeumont (Fr.)
171. — F-ino Juana Ramu — La Hestre
172. — F-ino Irène Verhelst — Varsenare
173. — F-ino Cécile Verhelst — Varsenare
174. — S-ro Jozef Decoster — Bruĝo
175. — S-ro Preux-Rousseau — Frameries
176. — S-ino Preux-Rousseau — Frameries
177. — S-ro Florent Preux — Quiévrain
178. — S-ino Florent Preux — Quiévrain
179. — F-ino Georgette Preux — Quiévrain
180. — F-ino Marcelle Bonge — La Louvière
181. — S-ro Roland Bonge — La Louvière
182. — S-ino E. Bretelle — Jeumont (Fr.)
183. — S-ro Jürgen Jacobsohn — Bruselo
184. — S-ino Margot Jacobsohn — Bruselo
185. — S-ro Cecil Bean — Southsea (Br.)
186. — S-ro M. Depont — Quiévrain
187. — S-ino Suzanne Humez — Douai (Fr.)
188. — F-ino Romens — Denain (Fr.)
189. — S-ro Audegond — Valenciennes
190. — S-ro Langlet — Anzin (Fr.)
191. — F-ino Alice Devos — Nieuport
192. — S-ro Lodewijk Bas — Bruselo-Jette
193. — S-ro W. Orlow — Bruselo
194. — F-ino Julia Plyson — Bruselo
195. — F-ino Louise Plyson — Bruselo
196. — S-ro Albert Hasenbroek — Bruĝo
197. — S-ino Gerarda Vrielinck — Bruĝo
198. — F-ino Marie Mesdaght — Bruĝo
199. — S-ro Roger E. Senès — Philippeville (Alger)
200. — S-ro Alick Harley — Londono (Br.)
201. — F-ino G. Dubois — Bruselo
202. — F-ino Dubois — Bruselo
203. — S-ro Charles Van Reybrouck — Antverpeno
204. — S-ino Elisa Van Reybrouck — Antverpeno
205. — S-ro Léon Ponthir — Ougrée
206. — S-ro Laurent Ponthir — Ougrée
207. — S-ro Jean Vancoppenolle — Renaix (Ronse)
208. — S-ro Adrien Martens — Calmpthout
209. — S-ro Georges Groothart — Bruĝo
210. — S-ro C. H. Bramkamp — Scheveningen (Ned.)
211. — S-ino J. G. Bramkamp — Scheveningen (Ned.)
212. — F-ino J. G. Bramkamp — Scheveningen (Ned.)
213. — F-ino M. L. Bottin — Bruselo
214. — S-ro Morris De Ketelaere — Antverpeno
215. — S-ro J. Bohun — Hastings (Br.)
216. — S-ino M. Hilton — Hastings (Br.)
217. — S-ro J. J. Boutwood — Hastings (Br.)
218. — F-ino Maria Mahieu — Bruĝo
219. — F-ino Cecile Volckaert — Bruĝo
220. — F-ino Marguerite Vandevelde. — Meirelbeke
221. — F-ino Cl. Vandevelde — Meirelbeke
222. — S-ro Jh Martel — Braine-le-Comte
223. — S-ino E. E. Wildish — Hastings (Br.)

# BINCHE



LA MALNOVAJ REMPAROJ DE BINCHE.

La urbo Binche estas ĉiekonata pro sia fama festo de dimanĉo, lundo kaj mardo de karnavalo, pro la majeste belaj kostumoj de siaj « Gilles » kaj pro la eksterordinara danco farita de tiuj en la malnovaj stratoj dum tiuj tri festaj tagoj.

Sed Binche meritas viziton je kiu ajn momento kaj la turistoj neniam bedaŭros sian vojaĝon.

La nomo Binche retroviĝas en la historio, jam je la okupado de nia regiono per la armeoj de Julius Caesar. Persona apartenaĵo de la grafoj de Hanagovio, ĝi estis forlasita de siaj loĝantoj pro militaj difektadoj. La grafino, Yolande de Gueldre, vidvino de grafo Baudouin la III-a, forigis la impostojn, por ke la loĝantaro revenu, kaj grafo Baudouin la IV-a ĉirkaŭigis la urbon per ŝtonaj muroj por ĝin ŝirmi kontraŭ novaj atakoj.

Tiu fortigita remparo ekzistas ankoraŭ tuta sur sia originala loko. Nord-okcidente, granda parto restis, kiel en tiu primitiva epoko. Ĝi estas konstruita el ŝtonkarbhavaj ardezaj grejsoj nur kunadaptitaj. Ĝi estas apogita per turoj tre proksimaj unu de la alia. (Tiam oni nur havis sagojn por sin defendi.)

Dum la daŭro de la tempoj, la ĉirkaŭremparo devis subteni multe da sieĝoj. Ĉiufoje kiam unu parto estis difektita, ĝi estis rekonstruita sur sia elektita loko, sed oni atentis la novajn metodojn kaj progresojn ; estas tial ke la turoj iĝis pli malproksimaj unu de la alia, laŭ tio ke la jetarmiloj perfektiĝis.

Dum la lasta jarcento unu parto el la ĉirkaŭfermo estis kaŝita per laboristaj dometoj. Sed freŝdate ĝi povis esti facile liberigita sub la ĉirkaŭparto de la komunuma parko. Oni povas tie admiri tiun impone belan ĉirkaŭremparon kun muroj du metrojn dikaj kaj kuŝanta sur la roko, ĉirkaŭata de rivereto, enfluanto de la Haine. Bedaŭrinde pluraj partoj de la remparo devus esti zorge plifirmigataj.

La urbodomo estas kurioza monumento de la fino de la XII-a jarcento. Ĝiaj arkaĵoj videblaj el ligno, ĝiaj muroj el bela grejso, riĉkolora, kunarangîta, ĝia tripordega enirejo mirigas la kompetentulojn. Apude, la malnova garda turo, simbolo de la komunumaj liberigoj, kiujn la loĝantoj ricevis en la XII-a jarcento. La fortikeco de ĝia konstruo kontraŭstaris la atakojn de la jarcentoj.

La preĝejo konservis romandajn partojn de la XII-a jarcento. Ĝi estis riparita en la XIV-a laŭ gotika stilo, sed ĝi multe suferis, same kiel la tuta urbo, dum la brulego, kiu detruis tiun ĉi en 1554. Ĝi konservas tre grandvalorajn juvelojn kaj broditajn ornamaĵojn tre maloftajn.

De la palaco de Mario de Hungarujo restas ruinoj en la komunuma parko. En la muzeo, krom malgrandaj memoraĵoj de loka historio, estas admireblaj fajrujaj fragmentoj de tiu kastelo, kiuj formas malordinarajn kuriozaĵojn.

La kapelo de la malnova tombejo kun sia skulptita arkaĵo rememoriganta la funebrajn dancojn ; kun sia belege ellaboritaj murlignaĵoj kaj kelkaj malnovaj tombŝtonoj, tutsole estas inda de vojaĝo al Binche.

La gaja karaktero de la loĝantaro rezervas agrablan akcepton al la vizitantoj.

PAUL CLOVIS MEURISSE.
El franclingvo V. DAUCHOT.

*
* *

Por tiu, kiu interesiĝas pri la historio de niaj belgaj urboj, ni donas tie ĉi ankoraŭ kelkajn pliajn detalojn :

Kiel oni vidis en la antaŭa parto, oni rakontas, ke la nomo de Binche jam troviĝas en la historio de niaj regionoj, kiam Julius Caesar ilin konkiris. Binche estis, laŭ tiu pretendo, fortigita kampo.

Estas fakto, ke la arme-vojo de Bavai al Maastricht pasas tra la ĉirkaŭaĵo de Binche kaj ke oni trovis sur la teritorio de la urbo bronzan objekton, el la tempo de Aleksandro Severius, imperiestro en 222.

En la skribitaj dokumentoj, oni tamen nur trovas la nomon de Binche, sub la formo : Bincium, la unuan fojon je la komenco de la XII-a jarcento.

Krom la remparoj, grafo Baudouin la IV-a, kiun oni surnomis « la Konstruanto » donis al Binche la veran formon de urbo kaj konstruis la kastelon, preferatan restadejon de la Hanagoviaj princoj.

En 1540 okazis grandaj festoj en Binche por festi la konkiron de Peruo. Ni ne devas miri, ke tiu okazintaĵo estis festita en tiu ĉi urbo.

Tie ĉi ja loĝis, en la ĉirkaŭaĵo, Mario de Hungarujo, regantino de la Hispanaj Nederlandoj, fratino de Imperiestro Karolo la V-a.

Dum tiuj festoj oni organizis grandan sekvantaron, en kiu Mario de Hungarujo mem partoprenis kaj kiun ŝi invitis al sia famkonata kastelo de Mariemont. Multnombraj korteganoj alivestis sin kiel « Inca » kaj tiuj kostumoj estis imititaj la sekvantan karnavalon de la loĝantoj de Binche.

Tiu karnavalo restis kaj restas, kiel jam dirita, la plej granda allogaĵo de la urbo.

Kelkajn jarojn poste forta garnizono estis lokita en Binche por defendi la urbon dum la milito inter Hanagovio kaj Brabanto.

El aŭtentika dokumento de la fino de la XII-a jarcento montriĝas, ke Binche posedis jam diversajn politikajn rajtojn. En la komenco de la XIV-a la urbo okupis tre bonan rangon inter la plej gravaj urboj de Hanagovio.

En tiu jarcento tamen kvar tre gravaj malfeliĉoj trafis la komunumon : en 1306 kaj 1325 ĝi preskaŭ tute estis detruita de la fajro. En 1348 kaj 1398 regis la nigra pesto, tiu terura malsano.

Binche travivis poste ankoraŭ tre gravajn okazintaĵojn. En 1554, la reĝo Henriko la II-a de Francujo, prirabis kaj bruligis la urbon. Oni rakontas, ke tiu reĝo, anstataŭ reteni siajn soldatojn, iris de pordo al pordo por pligrandigi la rabemon

# La ŝiplifto de La Louvière : Kial ne kluzoj ?

Sur kanaloj aŭ kanaligitaj riveroj, estas ofte necese konstrui kluzojn. Se oni tion ne farus, oni ne havus, pro la dekliveco de l'tereno, sufiĉan profundon de la akvo por ebligi la flosadon de la ŝipoj.

Kluzo estas akvujo intermetita inter du malsamnivelaj partoj de kanalo, kaj komunikigebla aŭ apartigebla je ĉi per pordego ĉe ambaŭ ekstremajoj. Subteraj kanaletoj, bareblaj per pordetoj, aŭ subakvaj levpordetoj en la pordegoj de la kluzo, permesas laŭvole komunikigi la kluzon kun la alta aŭ kun la malalta parto de l'kanalo, kaj, tiel, iĝi, ne tro rapide, la nivelon de la akvo de la kluzo sama je tiu de la unu au de la alia parto de la kanalo. Kiam la nivelo en la kluzo estas atinginta tiun de unu parto de la kanalo, oni povas, sen malutilo, malfermi la pordegon lokitan ĉe tiu ekstremaĵo, kaj la iro de ŝipo de la kanalo al la kluzo, aŭ kontraŭdirekte, estas ebla.

Ju pli grava estas la dekliveco de l'tereno laŭlonge la kanalo, des pli granda la nombro da kluzoj devas esti, ĉar por ĉiu kluzo la diferenco de la niveloj ne povas esti tre granda ; kluzo por granda niveldiferenco estas konstruebla, sed ĝi postulas la foruzon de granda volumeno da akvo por ĉiu ŝipo kiu transiras ; (tiu volumeno estas egala je la obligaĵo de la areo de la kluzo per la niveldiferenco. Ekzemple kluzo kun areo de 250 kvadrataj metroj kaj 15 metroj de niveldiferenco, postulas por transiro foruzon de 3750 kubaj metroj da akvo.



Tia grava perdo de akvo estas tre malutila precipe ĉe kanaloj tute artefaritaj, tie kie oni ne havas facilan naturan liveradon.

Se anstataŭ unu kluzo kun granda niveldiferenco, oni starigus kelkajn kluzojn, ekzemple kvar, inter kiuj estus dividata la tuta niveldiferenco, la foruzota volumeno da akvo estus nur la kvarono de tiu necesa por kluzo unuunura, ĉar la akvo uzita en la unua kluzo akompanas la ŝipon al la dua, k. t. p.

Sed multeco de kluzoj havas gravan malutilecon por la ŝipirado : la perdata tempo estas proporcia je la nombro de la kluzoj.

Ŝiplifto estas aparato kiu forigas la du ĉi supre diritajn maloportunaĵojn. Sur la CENTRA KANALO, la diferenco de nivelo por kelkaj kilometroj en la apudaĵo de La Louvière estas pli ol 60 metroj ; pro tio oni konstruis kvar ŝipliftojn.

Levigo aŭ mallevigo de ŝipo je tiuj 60 metroj postulas nur dudekok kubajn metrojn da akvo ; leviĝo de ŝipo povas okazi samtempe kun mallevigo de alia ; tamen tiu samtempeco ne estas deviga ; la kvanto da foruzata akvo estas la sama en la du okazoj.

Se anstataŭ kvar ŝipliftoj oni estus konstruinta kvar kluzojn, la foruzo de akvo estus pli ol kvarmil kubaj metroj anstataŭ dudekok, kaj leviĝo kaj malleviĝo ne povus okazi samtempe.

Se por transiri la niveldiferencon de 60 metroj, oni estus stariginta dekkvin ordinarajn kluzojn kun 4 m., por ĉiu, la necesa kvanto da akvo estus nur proksimume mil kubaj metroj, sed la daŭro de la transirado estus proksimume kvarobligata.

PRISKRIBO DE LIFTO : Granda metala akvujo, kiu povas enteni ŝipon estas portata de ronda kolono, kies diametro estas du metroj kaj la longeco DUDEK metroj. Tiu kolono ne ripozas sur firma fundaĵo, sed ĝi premas akvon enhavatan de grandega vertikala cilindro hermetika.

Se oni ellasas iomon da akvo la kolono, funkciante kiel piŝto, malleviĝas pro sia pezo kaj tiu de la akvujo. Du tiaj aparatoj estas lokigitaj unu apud la alia, kaj la du cilindroj estas kunigitaj per akvokondukilo ; oni povas laŭvole fermi aŭ malfermi tiun kondukilon per valvokrano. Unu kolono-piŝto estas grandparte el sia cilindro dum la alia estas preskaŭ tute en la sia. Se en la akvujon supran oni metas pli da akvo ol en la malsupran, kaj se poste oni malfermas la valvokranon por komunikigi la du cilindrojn, la plia pezo de la unua akvujo pelas la akvon el la unua cilindro en la duan ; la unua akvujo malleviĝas kaj la dua leviĝas. Por tiu movo kaj por venki la frotrezistadon, la plia kvanto da akvo estas dudekok kubaj metroj.

Se oni fermas la valvokranon la tuta sistemo haltas ; oni haltigas ĝin kiam la dua akvujo alvenas supren kaj la unua malsupren. Tri minutoj estas necesaj por pasi de unu nivelo al la alia (pli ol dekkvin metroj).

Komprenenble granda ĉarpentaĵo estas konstruita ĉirkaŭ la aparatoj por bone gvidi la akvujojn dum ilia movado ; ĝi konsistas el tri portikoj starantaj ĉe la ekstremaĵoj kaj ĉe la mezo de la akvujoj.

Ni rimarku ke la pezo de la moveblaj partoj ne ŝanĝas pro la eniro de ŝipo en akvujon, ĉar enirante tiu ŝipo forpelas pezon da akvo tute egala je la sia ; kiam la ŝipo eliras sama kvanto da akvo eniras.

Kiam akvujo estas tute supre aŭ tute malsupre, unu el siaj ekstremaĵoj apogiĝas kontraŭ ekstremaĵo samforma de la kanalo, pere de kaŭĉuka ŝtopaĵo kojna.

Por la eniro aŭ eliro de ŝipo la konvena ekstremaĵo de la akvujo devas komprenenble esti malfermita ; la malfermo okazas per levo de pordo inter starajoj de l'portiko, sufiĉe alten por ke la ŝipo povu pasi sub ĝi. Sama pordo leviĝas ĉe la ekstremaĵo de l'kanalo.

Je ĉiu funkciado oni haltigas la akvujojn kiam la leviĝanta havas la nivelon de sia akvo iom pli malalta ol tiu de la kanalo supra, kaj la malleviĝanta akvujo havas sian akvon ĉe nivelo iom pli alta ol tiu de la malsupra kanalo ; tiel dum la komenco de la leviĝo de la pordoj, la supra akvujo ricevas la plian kvanton da akvo necesan por la sekvanta movo, kaj la malsupra akvujo ellasas la saman volumenon.

La **samtempa** transiro de du ŝipoj, unu suprenirante, alia malsuprenirante, daŭras proksimume dekkvin minutojn, inter kiuj tri por la vertikala movo.

Hidraŭlika maŝinaro ekzistas por movi la pordojn, tiri la ŝipojn, k. t. p.

La Lifto de Houdeng-Goegnies (La Louvière) estas la unua konstruita el la kvar de la Centra Kanalo ; ĝia konstruado kostis, antaŭ kvardekkvin jaroj, pli ol unu miliono kaj duono da tiamaj frankoj. C. V.

---

kaj detruemon... La imperiestro Karolo tiom kompatis kun la sorto de la loĝantoj, ke li donacis grandan sumon al la urbo. En 1556-1557 la pesto revenis. Du sieĝoj en unu jaro (1578) fortege malutilis la urbon...

Je la dua duono de la XVII-a jarcento, ofte la urbo estis prirabita de diversaj militantoj kaj je la fino de tiu epoko Binche perdis sian graveccon kiel « milit-urbo », sed restis la ĉiam tiel interesa malgranda urbo, en kiu la vojaĝanto povas pasigi tiom da agrablaj horoj.

# BELGA KRONIKO

### La Enterigo de S-ro Petiau

Ĵaŭdon, 30-an de Aprilo, okazis la enterigo de nia karmemora Ĝenerala Sekretario. Je la 9-a, kunvenis antaŭ la domo de la mortinto, granda amaso da amikoj de la malaperinto, inter kiuj multnombraj samideanoj. Inter tiuj lastaj, oni rimarkis la ĉeeston de la Liga Prezidanto kaj de S-ino P. Kempeneers : de F-ino Y. Thooris, Vicprezidantino kaj de S-ro Ch. Poupeye, helpa sekretario de Belga Ligo, kaj de S-ro Edouard Verbeke, tiuj tri lastaj delegitoj de la Bruĝa Grupo, S-inoj Félicie kaj Elly Staes reprezentis la Bruselan Grupon ; S-roj Van de Velde, Groverman kaj kelkaj aliaj samideanoj formis la delegacion de la Genta Grupo.

Kvin societoj, en kiuj Henri Petiau estis membro, sendis sian flagon.

Jam oni elportas la ĉerkon, la flagoj kliniĝas kaj ĉiuj ĉeestantoj emocie salutas la bedaŭratan amikon, kiu por eterne forlasas tiun domon, en kiu li, tiom longe, laboradis por nia Idealo. Samtempe aperas granda kvanto da floroj, inter kiuj : belega blanka kaj verda krono kun surskribo : « Genta Grupo Esperantista — Neniam forgesos » ; florkuseno de Belga Ligo ; blankranda stelo el verdaj kreskaĵoj de la Bruĝa Grupo ; florgarboj de la Brusela Grupo kaj de la familio Witteryck.

Kaj la sekvantaro ekmoviĝas en la direkcion de la Dipatrina preĝejo de S-ta Petro, kie okazas la funebra diservo. Post tio, ĝi reformiĝas kaj direktas sin al la tombejo de Ledeberg.

Jam ni staras apud la malfermita tombo. Lasta preĝo kaj lastaj alparoloj. Administranto de la firmo, kie S-ro Petiau laboris, elvokas la grandajn meritojn de la kunlaborinto ; prezidanto de Societo de Eks-suboficiroj direktas tutkorajn vortojn al la foririnta amiko kaj D-ro P. Kempeneers, nome de Reĝa Belga Ligo Esperantista, sentplene aldonas nian ĉies adiaŭon....

Kaj jen la poreterna disiĝo. La ĉerko malaperas en la tombon, inter la kliniĝintaj flagoj, la ĉeestantoj viciras antaŭ ĝi kaj. salutante, enĵetas en ĝin floron.

Estas finite... nia altmerita samideano ne plu estas inter ni.

K. P.

### Grupa Kalendaro.

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 21 h. : kunsido laŭ indikita programo.

Sabaton, la 6-an de Junio : *Parolata Revuo* : Ĉefartikolo, raporto pri la Kongreso, la pasinta semajno, la astrologia klarigo de la monato, k. t. p. — Ĉiuj membroj kunlaboru, almenaŭ per anekdoto aŭ humoraĵo.

La unua provo iĝis granda sukceso !

Sabaton, la 13-an : Teatraĵeto.

Dimanĉon, la 14-an : Ekskurso al S[a] Mariaburg. Ekzakta horo de foriro estos indikata dum la kunvenoj.

Sabaton, la 20-an : Parolado de F-ino Jacobs : « Borgerhout centjara ».

Sabaton, la 27-an : Diplomdisdono al la lernantoj de S-ro Vermuyten.

Dimanĉon, la 5-an de Julio : Ni jam atentigas pri tre bela ekskurso per aŭtomobilego, kun celo : Middelburg (Nederlando).

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59 ; KUNVENEJO : Kafejo «Vlissinghe » Bleekersstraat, 2, rue des Blanchisseurs.

Kunvenoj dum Junio, ĉiuj en la Kunvenejo :

La 2-an de Junio : Kongresimpresoj. Prez. F-ino Y. Thooris.

La 9-an Priparolado de S-ro Douchamps, « Diamantoj ». — Prez. F-ino Y. Hubrecht.

La 16-an : Lingvaj konkursoj, sub gvidado de F-ino M. Van den Berghe kaj de S-ro G. Groothaert.

La 22-an (lundon) : Eksterordinara kunveno ĉe « Café de la Bourse » Granda Placo, ĉe Samideanino Christiaens, por ĉeesti la Sonorilaran Koncerton.

La 23-an : a) Humoraĵoj, Prez. S-ro G. E. Guillaume ; b) Legado de teatraĵo : « Geedziĝopeto » Prez. S-ro Ch. Poupeye.

La 30-an : Kantvespero sub gvidado de S-ino Ch. Poupeye kaj de F-ino A. Boereboom. Dum la ripozoj « Poŝtmarka Borso ».

Ĉe bela vetero, iu el tiuj kunvenoj povos esti anstataŭata per vespera promenado.

BRUSELO. — **«Esperantista Brusela Grupo».** — Kunvenejo : «Brasserie du Sac», Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30-a h.

Lundon, la 8-an : Raporto pri la Nacia Kongreso, de Ges-oj Castel.

Dimanĉon, la 14-an de Junio : Rendevuo « Quatre Bras » je

### KONGRESANOJ ATENTU !

**La L. K. K. kunmetis tre belan sed tre ŝarĝitan programon. Tiu ĉi enhavas ekskursojn per specialaj tramveturiloj.**

**Tiu ĉi programo estas efektivigebla, nur, se ĉiuj montras bonvolon kaj iom da disciplino.**

**Kiam la gvidantoj petas grupigon aŭ antaŭeniradon, bonvolu sekvi. Tre certe la kaŭzo estas ke la horo tion postulas.**

### Specialaj Propagandnumeroj

Restas ankoraŭ al ni ducent numeroj de la Propaganda numero de Marto kaj 800 ekzempleroj de la numero de Majo.

Ĵus antaŭ la Kongreso, same kiel tuj poste, estas la plej bona momento por sendi tiujn propagandilojn al interesuloj, ĉar tiam la tagaj ĵurnaloj ĉiam atentigas sian legantaron pri iu kongresa okazintaĵo de la Pentekostaj tagoj.

## U. E. A.

Responde al diversaj demandoj, rilate al la aranĝoj en U. E. A. de la morto de S-ro Kreuz, ni povas resumi tiujn ĉi jene:

La oficejo de U. E. A. en Genève transloĝis al Londono, kie la nova direktoro estas S-ro Cecil C. Goldsmith.

La biblioteko iros al Vieno, kie ĝi fariĝos fako de Internacia Esperanto-Muzeo. La 8.000 volumoj de tiu ĉi biblioteko verŝajne jam estos tie en Aŭgusto kaj la kongresanoj de la universala kongreso povos tiam viziti la aldonan ĉambregon en la Nova Imperiestra Kastelo, kiu estos organizata, kiel legĉambro.

Pri la gazeta demando, la estraro de U. E. A. decidis, dum la paska konferenco, akcepti traktadojn kun S-ro Jung, por la kunfandiĝo de « Heroldo » kaj « Esperanto ».

La aktuala stato de la afero permesas esperi baldaŭan solvon de la problemo.

## Esperanto-Strato en nia Lando

La nova larĝa ŝoseo por aŭtomobiloj de Bruselo al Gento, Lichtervelde kaj De Panne, estas nun finpreta.

Sur la teritorio de Lichtervelde oni, por ĝi, faris novan straton kaj la urbestraro decidis nomi ĝin « Esperanto-strato ».

Tiu bela iniciativo de la urbestraro de Lichtervelde valoras specialan mencion kaj ni instigas la diversajn grupojn de « Belga Ligo » skribi specialan dankleteron al S-ro Urbestro de Lichtervelde.

Ankaŭ estas dezirinde, ke privataj esperantistoj skribu, ke ili legis en « Belga Esperantisto » la novaĵon kaj rapidis danki la urbestraron por la decido.

la 15-a. Vizito de la « Arboretum » de Tervueren. Pikniko. Ludoj.

Lundon, la 15-an: S-ino Staes legos verkojn de Baghy.

Lundon, la 22-an: S-ro Dyserinck parolos pri novaj libroj.

Lundon, la 29-an: Komedieto: « Ŝerco kiel rimedo. »

### « Lieĝo Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto. »

Jaŭdon, la 11-an de Junio je 20-a horo: perfektiga kunveno de Lieĝa grupo en «Hôtel du Phare», place Maréchal Foch.

Jaŭdon la 4-an kaj la 18-an je 19 h. 30: perfektigaj kunvenoj de Sclessina grupo en Kafejo Dechesne, rue Ernest Solvaj, 1.

Dimanĉon la 14-an: ekskurso al Boncelles-Sart Tilman; rendevuo ĉe stacidomo Ougrée (angulo de stratoj Ferdinard Nicolay kaj Boncelles) je 14-a horo.

### Familia Kroniko.

**GRATULOJ.**

— Al S-ro Charles POUPEYE, vicprezidanto de la Bruĝa Grupo, kiu laŭ Reĝa Dekreto de la 8-5-36, estis nomata juĝoregistristo en la Pacjuĝejo de Thourout (Flandrio).

— Al F-ino Andrée ALGRAIN, artpentristino, membrino de la Bruĝa Grupo, kiu estis akceptata, kiel ekspoziciantino, en la Pariza « Salon du Printemps ».

— Al S-ro Ernest VANDE WYNCKELE, impostricevisto en Beernem, membro de la Bruĝa Grupo, kiu edziĝis al F-ino Suzanne De Pré.

### Grupaj Raportoj:

**Pro manko da loko, ni prokrastas ĝis sekvonta numero la aperigon de la raportoj pri la komitata kunsido de « Belga Ligo », pri la jarkunsido de « Belga Esperanto-Instituto » kaj pri la vivo en la grupoj de la 15-a de Aprilo ĝis la 15-a de Majo, kaj diversajn aliajn rubrikojn.**

**Kelkaj utilaj informoj.**

*Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj. P. Ĉ. K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (Wilrijck-Antverpeno).*

*Por pagoj de kotizoj, loĝado, festeno kaj aliaj aranĝoj dum la jara Kongreso : P. Ĉ. K. 1119.10 en la kongresa urbo, nun La Louvière.*

*Por pagoj al U. E. A. : P. Ĉ. K. 4108.89 de la ĉefdelegito S-ro De Ketelaere (Speciala Numero), Antverpeno.*

*Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto : P. Ĉ. K. 1689.58, Antverpeno (Willemsstrato, 21).*

**Estraro de « Belga Ligo Esperantista ».**

Prezidanto : Dro Paul Kempeneers, 19, Avenuo Montjoie, Uccle. (Tel. 44.53.00).

Vicprezidanto : S-ro Léon Cogen, 52, Dreef, Ninove.

Vicprezidantino : F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat, B. de l'Outre Bruĝo. (Tel. 320.86).

Ĝenerala Sekretario *ad interim* kaj Kasisto : S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel. 777.58).

Ĉefdelegito de U.E.A. : S-ro Morris De Ketelaere, 25, Oostenstraat, Antverpeno (Tel. 962.46).



Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.